# KATOLIKA MONDO

Redaktoro : K. MAYR
London, 16, Red Lion Square.
Kunredaktoroj :
W. Solzbacher, Germanio.
P. M. Carolfi, Italio.
P. J. A. Muffang, Francio.
J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »




7 a - Kolekto n° 1 Januaro 1926

Administracio : Kapl. Wachowski
25, Feldstrasse, Elberfeld, Germanio
Ekspedicio :
P.-J.-A. Muffang 14bis Av. Galois
Bourg-la-Reine, Francio.

## PSALMO

Ĉiu lingvo kantas viajn laŭdojn, Sinjoro; *Sinjoro, ĉiuj landoj aŭdis vian nomon.

La sableroj de l'maro, la brilaj gutetoj de l'roso * al ni montras vian ĉiopovon.

Vere Vi estas la forto, la espero kaj la sano eterna de l'animoj ;* en Vi ripozas ĉiu homa konfido.

Sinjoro, mia mizero min faras malgranda ; * sed via mizerikordo estas granda senfine.

Ĉiuj miaj spiroj ricevu vian benon,* por ke mi ne falu en eraron.

Ĉiuj miaj agoj estu laŭ via volo. * ĉar vian volon nur mi deziras.

Ĉiuj frapoj de mia koro estu voĉo de amo al Vi.* voĉo humile preĝanta kaj plenfide esperanta.

Ĉiuj momentoj de mia tera vivo estu laŭta kanto* laŭdeganta Vin, mia Sinjoro, kaj reĝo de la tuta kreitaĵaro.

Ĉiuj miaj kontraŭaĵoj, ĉiuj miaj doloroj, ĉiuj miaj larmoj estu benataj, * ĉar ili estas signoj de via amo al mi.

Vin laŭdu, Sinjoro, por mi la ventego per sia furoro, * la sunelira venteto per sia dolĉeco.

Vin laŭdu, Sinjoro, por mi la altegaj arboj, kaj ĉiuj malaltaj kreskaĵoj,* kaj la neĝaj pintoj de la montegoj kaj la florplenaj deklivoj de la montetoj.

Vin laŭdu, Sinjoro, por mi la fertika aglo altege fluganta ;* kaj la nevidebla insekto sur la branĉoj rampetanta.

Vin laŭdu, Sinjoro, por mi la ĥoroj de la Anĝeloj,* kaj la preĝoj de l'suferantoj kaj la larmoj de la orfoj.

## Dusemajne - Aktuale

" Ĉiu lingvo kantas viajn laŭdojn, Sinjoro, Sinjoro, ĉiuj landoj aŭdas vian nomon,,.

Ĉu vi pli inde komencu la novan jaron ol laŭdante la Dian Patron pro lia senfina boneco, donante al ni la brilan sunon kaj la ridantajn florojn kaj la riĉajn kampojn, panon kaj akvon kaj ĉion bonan, doloron kaj ĝojon, ridon kaj ploron, ĉion por lia granda gloro kaj pro la revelacio de lia eterna volo en nia vivtempo. . .

Jes, laŭdu ni kun ĉiuj kreitaĵoj la sinjoron, ne nur per buŝoj kaj vantaj vortoj ; ne nur per senagaj sopiroj de niaj koroj, sed unue kaj precipe per **praktika laboro kaj oferplena suferado**, preĝante kaj sopirante, ke alvenu la Dia Regno en nia mezo ; la regno de **justeco**, socia kaj internacia, la regno de amo, ĉion enflamanta al unu granda elĉiela fajro tra la universa terglobo.

**Karaj Gefratoj !** Ankaŭ nia modestega gazeto estas humila pioniro por la Dia Regno ; se estas vere, ke Jesuo amas, precipe la infanojn, la malgrandojn, ĉu ni ne rajtas esperi, ke li ankaŭ speciale amas nian gazetetan infanon ; des pli multe ĉar ĝi kuraĝas esti profeta voĉo de amo kaj fajro en nia malvarma, senviva, sendia mondo; despli multe ĉar ĝia infano voĉo sonas tra la kvin partoj de la tero, unuigante en ama frataro homojn el diversaj nacioj kaj lingvoj ?

Ĉi tiu konfido je la speciala helpo kaj sanktaj beno de Jesuo, ni malriĉaj kun la malriĉuloj, senpovaj kun la humiloj, nekonatoj kaj ofte malestimatoj, ni kuraĝis fari la grandan autaŭenpaŝon !

**DUSEMAJNE :** Karaj amikoj , tiu vorto signifas **novan epokon en la Katolika Eo-movado.** Ĉu vi volas esti indaj je tiu historia momento ? Ni ne dubas !

**AKTUALE** — Pli riĉe, pli multenhave ol ĝis nun, la gazeto alportos al vi novajn ideojn, aktualajn problemojn.

Novaj rubrikoj « TUTMONDA POLITIKO », « EL PACALA MOVADO TUTMONDA (monate ) informos pri la aktualaj aferoj.

Novaj artikoloj pri politiko, scienco ktp. pliriĉigos la enhavon.

Por niaj junaj amikoj speciala aldono « LA JUNA BATALANTO », aperos...

**Karegaj fratoj ! Ni volontege akceptis la grandegan laboron por ebligi tiun grandan progreson; plej ofte dum noktoj, kiam vi amuziĝas aŭ dormas kviete, nin vokas la " K. M. ,, al la laboro !**

**Ni ne publikigas financan alvokon Ni konfidas je via persona respondeco. Vi scias, ke ni ne persone havas la monon por pagi la duobligitajn elspezojn. Ni volas fari libervole la laboron ; sed ni ne volas almozpeti ; tio estas malinda de nia afero.**

**Ni do konfidas :**

**a) Ke ĉiu leganto tuj pagas la abonon** (vidu 4a paĝo)

**b) Ke ĉiu varbu almenaŭ unu novan leganton — 3000 estas la celo.**

**c) Ke ĉiu laŭpove donos helpmonon ke por dusemajna eliro.**

**En viaj manoj troviĝas la decido ! Estu indaj de nia idealo !**

**Jesuo benu nian agadon en la nova jaro !**

**Por la redaktora komitato**
**K. Mayr.**

## La Lupo de Gubbio

**Verkis Henriette Breu**
**Tradukis Eleonore Otte**

Grandaj estis plorado kaj plendado en Gubbio! Sed pli alte ol la akvoj da plorado kaj mizero altiĝis la ondegoj da furiozo kaj kolerego. Kiel elfunde ekscititaj marondoj la emociita maso estis konfuze svarmanta. La virinoj kaj la infanoj estis kriantaj, la viroj puŝantaj malbenojn.

Ne, tiel ĉi tio ne povis daŭri ! La mezuro de l'krimo estis superplena ! Devis fariĝi fino ! Ne sufiĉis ke la lupo, la avida, insidema rabisto ekde longa tempo nokto post nokto prenis ŝafon el iliaj ŝafaroj, tion ili ankoraŭ ignoris, kaj ili toleris ĝin, kvankam murmurante. Ĉar frato Franĉesko, kiu enfermis ĉiujn kreaĵojn en sia diardanta koro, parolis al ili pri la mizero de la lupo, kvankam ankaŭ lia koro sangis pro la multaj bedaŭrindaj ŝafidetoj.

Tamen li estis kompatinta la ekzilitan, de ĉiuj malamatan kulpulon, kiun nur la malespero povis peli al liaj krimaĵoj !

Sed estis nun tro malbone. Lastan nokton la monstro atakis homon, atakis la paŝtiston mem. Disŝirite la kadavro de la bedaŭrinda Anzelmo estis kuŝanta en la hurdo, paŝtisto, kiu estis defendinta sian ŝafaron per sia vivo ! Disŝiritaj ĉirkaŭ li la kadavroj de multnombraj ŝafoj kaj ŝafidoj...

Ne, tio ne plus estis malsato kaj senlima malespero. Tio estis nura mortigemo, avido je sango !

Ploregantaj edzino kaj infanoj de l'viktimo ĝemis pri sia nutristo kaj ne volis esti konsolataj. Grincanta kolerego ekkaptis ĉiujn.

La alarmsonorilo de l'vilaĝo tintis per akraj frapoj.

Eke ! Eke !... La valo estas en danĝero ! Helpu ! Savu !... Ne pli longe ni toleros la krimon ! Venĝon, revenĝon ! La krimulo meritas mortpunon. La verdikto estas deklarita ! Antaŭ kiam la suno malleviĝas, lia kadavro devas esti trenota tra la vilaĝo !

La viroj kuris por alporti hakilojn, pioĉojn, draŝilojn, bastonegojn kaj kio iel povis servi kiel armilo. Poste ili kunvenis apud la turo por pripensi, kiel ili pej bone povas kapti la riskeman, ruzan rabiston, ke li ne eskapu.

Senkompate li devus esti mortfrapita, antaŭe la lando plenspiri ne povus.

Sed dum kiam la kolerigitaj viroj estis ankoraŭ interparolantaj pri la vojoj por elserĉi la lupon el ĝia kaŝejo, frato Franĉesko rapidpaŝis tra la florantaj kampoj al la arbaro por serĉi la lupon.

Li ne bezonis vojmontrilon. La sanga postsigno kiu gvidis de l'hurdo al la arbara densejo, estis la terura montrilo de la sangoguteganta monstro.

Estis admirinde belega tago - tiel plena de beleco kaj lumo kaj radia brilo, kiel ĝi estas ebla nur sub la suna ĉielo de l'sudlando.

Sed la luma, alie tiel belecosoifa animo de Franĉesko estis peza. La orbrilo de « fratino suno » doloris hodiaŭ liajn okulojn. Ne kiel alitempe la floroj de l'kampo ĉarmis lin-ĉar paŝante li ekvidis sur la blanka florĉarmo de narciso, kiu kiel feliĉega okulo estis malfermita je la ĉielo... ruĝan sangoguton spruĉigitan. Li ne aŭskultis al la jubilado de l'fratoj birdetoj, ĉar en la malproksimeco li tremante opiniis ekaŭdi naŭzigan hurladon.

Kia malharmonio trairis la naturon ! Unuflanke beleco kaj dolĉeco, graco, senkulpeco, laŭdo de l'Eternulo-aliflanke sangosoifo, kruela kontraŭbatalado de la kunkreaĵoj, malamo kontraŭ la homo !

( Daŭrigota )

# La Batalo kontraŭ la Eklezio en Meksiko.

Jam kelkfoje « Katolika Mondo » publikigis mallongajn notojn pri la teruraj persekutoj de la katolika eklezio en Meksiko. Sed ĝenerale la tutmonda katolikaro tute ne scias, kiom terura estas la situacio en tiu nordamerika respubliko.

Niaj legantoj scias, ke fondiĝis « nacia eklezio » subtenata de la registaro. La Meksikanoj nomas la anojn de tiu nova eklezio « cismaticos ». Sed en realeco tiu movado tute ne estas ŝismo, sed nur politika agado, por gajni la popolon por la socialistaj ideoj de la registaro, kiu tion nur povas atingi per incitado de la popola opozicio kontraŭ la eklezia aŭtoritato. Tamen iom post iom la movado povus akcepti ŝisman formon; ĉar ĝi jam enhavas la ĝermojn de ĉiuj elementoj de la protestantismo, kaj tial havas la simpation kaj helpon de la protestantaj misiistoj agantaj en Meksiko, plejparte subtenate per usona mono.

Disigo de Romo, privata interpretado de la Biblio, forigo de la Latina liturgia lingvo, starigo de edziĝinta pastraro estas principoj de la nova eklezio, kiu tamen klopodas, en eksteraj aferoj gardi la katolikan aspekton, la riton de la meso, la honoradon de la sanktuloj ktp.

La nova « eklezio » estas gvidata de la ekspastro Joaquim Perez, kiu jam estas pli ol 70 java kaj akceptis la titolon de « patriarko ». Sendube la movado estas konsiderinde kreskanta, sed nur per la subteno de la registaro, kiu perforte persekutas la katolikan eklezion. Tamen escepte en la ĉefurbo Mejico, kaj en la suda ŝtato Tabasco, kie guvernoro Canabal faras kontraŭkatolikan persekutadon, la provo, starigi « nacian » Meksikanan eklezion, malsukcesis. Eĉ en la ŝtato Jalisco, kie guvernoro Zuno nun ludas la ĉefan rolon en la atakoj kontraŭ la eklezio, la « cismaticos » ne sukcesis enradikiĝi.

Per helpo de la militistaro la « cismaticos » rabis du malgrandajn preĝejojn en la ĉefurbo Mejico, krome ili kaŭzis la fermon de la preĝejo de Soledad, unu el la plej grandaj de la urbo. La rabo de ĉi tiu preĝejo (tio okazis en junio aŭ julio 1925) estis la unua signalo de la intenco de l'registaro ataki la katolikan eklezion el interne, anstataŭ la ĝistiamaj nur eksteraj persekutoj. Sed tiu unua faro malsukcesis. Kiam la ŝismanoj ĵetis la paroĥestron el lia domo kaj sub la protekto de la polico okupis la preĝejon, la popolo tiom maltrankviliĝis kaj ribelis, ke la registaro estis devigata tuj retiri ĉiujn. Ĝi tiam fermis la preĝejon anoncante, ke pli poste ĝi estos aranĝata kiel nacia muzeo (!) Ĉu tio okazos aŭ ne, la katolikoj eble neniam plu regajnos sian posedaĵon, ĉar laŭ la nuna konstitucio ĉiu eklezia propraĵo apartenas al la registaro, kiu povas uzi ĝin laŭvole. (!)

Post la malsukceso de Soledad la malgranda preĝejo Corpus Christi, kiu ne estis en uzo, estas donita al la ŝismanoj, kaj tie komencis funkcii la « patriarko » Perez kun siaj « pastroj » el kiuj krom li neniu estis pastrigita. Ĉi tiu malgranda preĝejo kun 144 seĝoj nun estas la centro de la « nacia eklezio » de Meksiko, kiu volas fanfaroni antaŭ la mondo, ke ĝi parolas por ĉirkaŭ dekkvin milionoj da animoj !

La tria preĝejo, kiun la ŝismanoj okupis, kaj la dua, kiun ili nun uzas por ilia sakrilega « diservo », estis la preĝejo de Coatepec ekstere de la ĉefurbo kaj proksime al la Nacia Sanktejo de Nia Sinjorino de Guadelupe. Unu dimanĉon matene aro da ŝismanoj ĉirkaŭitaj de policanoj aperis, forpelis la pastron, kaj la « patriarko de la nacia eklezio » Perez komencis diri meson hispanlingve sur la malsanktigita altaro. Sed tuj la popolo ariĝis ĉirkaŭ la preĝejo, kaj la polico apenaŭ povis malhelpi perfortan ribelon.

Cuatepec nur estas malgranda negrava vilaĝo, kaj oni ne povas klarigi al si, kial ĝuste tien venis la « cismaticos ». Sed oni timas, ke la atako al Cuatepec nur estis preparo al atako kontraŭ la Nacia Sanktejo de Guadelupe, la plej granda centro de la katolika vivo en tuta Meksiko.

Guadelupe estas la centra pilgrimejo de la meksikanaj katolikoj. En normalaj tempoj tiu antaŭurbo nur havas eble 10.000 loĝantoj, sed en la tempoj de pilgrimado, precipe en decembro, kiam la jarfesto de la apero de la Sankta Virgulino estas solenata, ĝia loĝantaro kreskas ĝis 80, 90 aŭ eĉ 100 mil. El ĉiuj partoj de la lando kaj el ĉiuj klasoj de la socio tiam venas la meksikanoj, multaj piedire, por preĝi antaŭ la mirakla bildo de la Sankta Virgulino kaj por trinki el la sankta fonto, apud kiu antaŭ pli ol 400 jaroj ŝi aperis al malriĉa indiana piulo. Sed atako de la « cismaticos » al Guadelupe renkontus fortan reziston de la popolo, kaj oni devus timi, ke tiam la ekleziaj aŭtoritatoj perdos la kontrolon kaj ke estiĝos « sankta milito ».

(Daŭrigota)

**ATENTU !**

Pro la superakvaĵoj en Charleroi, la finpresigo de ĉi numero prokrastiĝis. « La Juna Batalanto » estos aldonata al la *dua numero*, kiu eliros je 20 januaro. La 3a numero eliros je 1 februaro.

Redakcio.

# La Eklezio kaj la Imperialismo

## Interesa Dokumento

—o—

**Abato Demulier**, Francujo, sendis al ni interesan LETERON DE LA KARDINALO FÉNELON al la franca reĝo Louis XIV. Ĉi tiu kuraĝa letero ĝis nun tute nekonata meritas la intereson de la katolikaro tutmonda.

En la jaro 1672 via reĝa moŝto entreprenis la nederlandan militon. Mi citas speciale ĉi tiu militon, ĉar ĝi estis la fonto de ĉiuj aliaj. Ĝia kaŭzo estis nur motivo de gloremo kaj venĝo, kiuj neniam povas fari iun militon justa. Per tio evidentiĝas ke ĉiuj limoj, kiujn vi plivastigis per tiu milito, estas origine maljuste akiritaj. Estas vere, via moŝto, ke la sekvintaj packontraktoj ŝajnas defendi kaj nuligi tiun maljustecon, ĉar ili donis al vi la regionojn milite akiritajn. *Sed maljusta milito ne estas malpli maljusta, se ĝi havas sukceson. La packontraktoj subskribitaj de la venkitoj ne estas libere subskribitoj. Oni subskribas, la tranĉilon sur la gorĝo. Oni subskribas kontraŭvole por eviti pli grandajn perdojn. Oni subskribas kiel oni donas sian monujon kiam oni devas doni ĝin aŭ morti...*

Depost tiu milito vi ĉiam volis doni la pacon kiel majstro kaj ordoni kondiĉojn anstataŭ ordigi ilin kun justeco kaj modereco. Tio kaŭzis, ke la paco ne povis daŭri. Viaj malamikoj perforte venkitaj nur sonĝis denove levi sin kaj unuiĝi kontraŭ vi. Ĉu oni devas miri pri tio? Vi eĉ ne restis en la limoj de tiu paco, kiun vi estis doninta per tiom da supereco : En plena paco vi faris militon.

Vi serĉis en la kontrakto de Vestfalujo dusencajn esprimojn, por surprize okupi Strasburgon. Neniam depost tiom da jaroj iu ministro kuraĝis citi tiujn esprimojn en iu intertraktado, por montri, ke vi havas eĉ la malplej grandan pretendon je tiu urbo.

Vi ne amas Dion ; vi timas lin nur per sklava timo. Via religio nur konsistas el superstiĉoj, el malgrandaj supraĵaj agoj. Vi estas kiel la judoj, pri kiuj Dio diras : «Dum kiam ili honoras min per la lipoj, ilia koro estas malproksima de mi. » Vi estas skrupulema en bagateloj kaj dura en teruraj malbonoj..... Vi ne konas Dion, vi ne amas lin, vi ne preĝas al li el koro, kaj vi faras nenion por ekkoni lin.

# La bolŝevista danĝero en Ĥinujo

Ĉi tiu danĝero ŝajnas vigle timigi ĉiujn okcidentanojn : Ankaŭ ĝi estas en la nunaj cirkonstancoj unu el la ĉefaj argumentoj de Anglujo por defendi sian agadon. Nia opinio pri tio povas esti resumata en la vortoj de grupo de profesoroj en Pekin skribantaj en publika deklaro:

« Ĉu oni povas imagi, ke homoj maturaj kaj seriozaj (ili parolas pri komercistoj kaj laboristoj, kiuj ĉiuj en ĉi tiu striko kaj la manifestadoj toleras gigantajn oferojn ) fordonos sian gajnon kaj sian vivon je la simpla demando de bolŝevistaj studantoj kaj kulioj (laboristoj) ? » — kaj ili ankoraŭ aldonas la jenajn vortojn, kiuj montras la alian flankon de la problemo :

" La Urbestraro de Ŝanghaj estas la plej bona amiko de la bolŝevistoj. Ĉar la ago de la Ŝanghaja polico la 30 majon kaj la sekvintajn tagojn estis la plej bona formo de bolŝevista propagando, kiu iam estas farita en la ekstrema oriento ,,.

Ĉi tiuj vortoj revenis al mi en la memoron, kiam mi legis la impresojn de tre kompetenta ruso M. A. Dimitrieff pri la opinio, kiun oni havas en Moskva pri la situacio en Ĥinujo. Sendube, li diras, la sovetoj treege klopodas profiti tiun belegan okazon por influi la ĥinan popolamason, sed cetere ili ne faras al si tro multe da iluzioj pri la sukceso, kiun ili povas atendi. La ideoj, kiujn li konigas al ni, estas tre interesaj kaj indaj esti konataj de ĉiuj, kiuj observas la problemon. M. A. Dimitrieff diras :

" Mi resumas al vi la ideojn regantaj en Moskva pri bolŝevismo kaj Ĥinujo :

" Ĥinujo estas hodiaŭ dividata en kvar grandajn politikajn partojn, kiuj havas nur tre malfortan konekton al la centra registaro en Pekin. La unua, okcidenta Ĥinujo, estas senkultura kaj malmulte civilizita regiono. Oni povas diri, ke ĝi estas sensignifa por la ĝenerala vivo de la lando. Multe pli aktivaj estas Centra kaj Norda Ĥinujo, kiuj obeas al la ordonoj de la Pekina registaro kaj staras sub la influo de la protestanta generalo Fong Yu Siang. Ĉi tiu generalo sin apogas sur la koalicio de du partioj, la partio Ĉe-Li kaj la partio An-Fu, kiuj ambaŭ estas malamikaj al ĉiu eksterlanda influo. Ili estas du naciistaj grupoj, je kiuj bolŝevista propagando ne povas multe efiki. La armeo de la kristana generalo entute havas 300.000 homojn, sed ili ne estas sufiĉe armataj ; kaj mankas al ili instruistoj.

Tria politika regiono estas Manĝurio, kiu kun parto de Mongolio rekonas la aŭtoritaton de marŝalo Ĉang-Tsu-Lin. Ĉi tiu post tre mallonga simpatiado al la sovetoj revenis al sia malnova amo al Japanujo. Lia armeo ne estas tre multenombra ( 100.000 homoj ), sed bonege armita kaj pli bone ekzercita ol tiu de la kristana generalo : ĝi havas 400 kanonojn kaj 100 aeroplanojn.

Fine ekzistas Suda Ĥinujo, kies centro estas Kanton. Ĝi estas regata de la du partoj de la partio Kuo-Min-Tang, fondita per Sun Yat Sen. La delegitoj de tiu partio venintaj al Moskva diras, ke ili disponas 500.000 homojn.

( Daŭrigota )

# Mondpolitika Revuo

POLITIKO? Estas iom delikata aŭ eĉ danĝera afero tuŝi en *internacia gazeto* politikajn problemojn kaj raporti pri la lastaj okazintaĵoj en ĉiuj landoj. Tamen *aktuala* gazeto, kaj « Katolika Mondo » per dusemajna eliro fariĝis aktuala, devas nepre regule enhavi revuon pri ĉiuj gravaj faktoj en la mondpolitiko. Kompreneble ne en la maniero de la grandaj ĉiutagaj ĵurnaloj, sed mallonge kaj koncize kaj ĉiam kun kritika recenzo el la alta observoturo de *internacia katolika politiko.*

La fundamentoj de katolika mondpolitiko ja estas klaraj kaj neŝanĝeblaj, tamen ni vidas, ke la katolikoj en multaj aferoj havas tiom malsamajn opiniojn, ke eĉ katolikaj partioj batalas kontraŭ aliaj partioj, ke en kelkaj landoj la katolikoj laboras en plej diversaj inter si malamikaj partioj. Kial? Ĉar ĝis nun nenie ekzistas grupo kiu faras nur katolikan politikon, ĉar la partioj ne nur batalas por *ideoj*, sed ĉefe por *interesoj*, kaj ĉi tiuj naciaj, ekonomiaj kaj socialaj interesoj ofte gajnas la hegemonion, eĉ se ili ne adaptiĝas al la radikale katolikaj postuloj.

Per ĉi tio mi ne volas ataki iun personon aŭ iun partion, ĉar mi bone scias, ke nenio homa estas sen mankoj kaj sen eraroj. Tamen la fakto ekzistas, kaj estas tasko de la internacia katolika agado kaj do speciale de nia Ika, klare montri la katolikajn principojn pri la fundamentaj problemoj de la politiko kaj krei *katolikan mondkonsciencon.*

Tial ni estonte en ĉiu numero raportos pri la lastaj evoluoj de la politiko kaj historio en ĉiuj landoj, malgraŭ la danĝero, ke ni eble ne ĉiam renkontos la aplaŭdon de kelkaj legantoj. Do antaŭen!

*Europo*, kien vi iras? La stato de la *milito* ankoraŭ ne plene malaperis. Famen la kontrakto de *Locarno* subskribita 1 decembro en London, kreis novan bazon por paca evoluo de la rilatoj inter *Germanujo, Francujo* kaj *Belgujo*. Ĉi tiuj tri ŝtatoj promesis solvi eventualajn konfliktojn ne per kanonoj, U-boatoj kaj venena gazo, sed submeti ilin al neŭtrala Arbitracia Tribunalo. Germanujo aliĝos al la *Ligo de Nacioj* kaj do pligrandigos ties universalan signifon.

En ANGLUJO konservativa registaro tenas la gvidon. Ĝin subtenas la plimulto de la deputitoj, kvankam la konservativoj ne ricevis la plimulton de la voĉoj. Laŭ la lastaj komunumaj elektoj « *Labour* Party » konsiderinde kreskis. Tiu partio ankaŭ interne plifirmiĝis, antaŭ kelkaj semajnoj definitive eksiginte la komunistojn.

En FRANCUJO unu registara krizo sekvis la alian. *Briand* nun gvidas la respublikon. Oni raportas pri timiga kreskado de la *komunismo* kaj de la *faŝismo*. Ofte aŭdiĝis la voko al *diktatoro.*

En GERMANUJO pro la kontrakto de Locarno la naciistoj forlasis la registaron. Oni atendas, ke la socialdemokratoj anstataŭos ilin. La plej grandan respondecon ĉiam ankoraŭ havas la centraj partioj, el kiuj la « *Zentrum* » de la katolikoj estas la plej forta.

En NEDERLANDO ĝis nun funkciis registaro de la Dekstra Kartelo, konsistanta el la protestantaj Kristana-Historia Partio kaj Kontraŭrevolucia Partio kaj la *Romkatolika Nacia Partio.* Antaŭ kelkaj semajnoj laŭ propono de la Kristana-Historia Partio (du protestantaj predikistoj estis la iniciatintoj) la parlamento per 52 kontraŭ 42 voĉoj decidis *forigi la ambasadoron ĉe la Vatikano.* Voĉdonis por la propono la Kristana-Historia Partio kaj la maldekstraj partioj. Tial la kvar katolikaj ministroj eksiĝis, kaj la tuta registaro demisiis. La Romkatolika Nacia Partio estas la plej forta en Nederlando kaj havas trionon de ĉiuj deputitoj. Krome ekzistas Katolika Popola Partio, kiu tamen nur havas unu deputiton.

En BELGUJO la ministraro nun konsistas el katolikoj kaj socialistoj.

En ĈEĤOSLOVAKUJO novaj elektoj al la parlamento rezultigis venkon de la komunistoj, germanoj kaj katolikoj. La Ĉeĥa Popola Partio (ĉeĥaj katolikoj) nun havas 31 deputitojn (ĝis nun 21), la Slovaka Popola Partio (katolikaj aŭtonomistoj) 22 (ĝis nun 11), la Kristana Sociala Partio (germanaj katolikoj) 13 (ĝis nun 9), la Hungaraj Katolikoj 4.

En tri landoj de Eŭropo nun funkcias *diktatoraj* registaroj: *Italujo, Hispanujo, Bulgarujo.*

ITALUJO ankoraŭ obeas al la ordonoj de « il duce » *Mussolini*, kaj oni ĝis nun sensukcese profetis baldaŭan finon aŭ « plimildiĝon » de la faŝista reĝimo.

Alia estas la afero en *Hispanujo. Generalo Primo de Rivera*, la diktatoro depost septembro 1923, ŝanĝis sian militdirektoraron en civilregistaron. Ĉefministro, Armeministro kaj Ministro por Internaj Aferoj ja ankoraŭ estas generaloj, la aliaj estas civilaj personoj sen konekto kun la malnovaj politikaj partioj. Oni diras, ke ĉi tiu registaro, kvankam absoluta kaj diktatora, estas unua preparo al reveno de parlamenta konstitucio.

El BULGARUJO venas teruraj novaĵoj. La *militista diktatoreco* de la registaro Zankoff jam ekzekutigis multajn milojn da personoj. En ĉiu vilaĝo kelkaj el la plej inteligentaj viroj estas ekzekutitaj. Kie estas justeco?

En la oriento de Eŭropo *Polujo* kaj *Litovujo* ankoraŭ ne interpaciĝas pro la konflikto pri la *Vilna* regiono. *Polujo* estas en ekonomia mizero. En *Sovet-Ruslando* la stato malgraŭ ĉio ŝajnas fariĝi pli stabila.

*Bulgarujo* kaj *Grekujo* havis militan konflikton pro limodemandoj. Sed la *Ligo de Nacioj* intervenis kaj kontentige solvis la problemon, evitante militon.

Sed aliajn militojn ĝi ne povis eviti, ĉar ĝi ne estas kompetenta, enmiksi sin en « internajn konfliktojn ». Mi aludas pri la *koloniaj ribeloj.* En MAROKO la *rifkabiloj* kun ilia gvidanto *Abd el Krim* kaj en *Sirio* la *druzoj* gvidataj de *El Atraŝ* batalas kontraŭ la francoj, por gajni plenan sendependecon de sia lando. El *Maroko* oni raportas, ke *la armeo tie ne havas pastrojn.* En *Sirio* kontraŭe ĉiuj *pastroj* estas *devigitaj porti armilojn* kiel soldatoj! Neniu protesto efikis.

Ne nur en Maroko kaj Sirio, sed ĉie la *islamo* nun plifortiĝas. *Turkujo* denove fariĝis forta potenco kaj eĉ havas la kuraĝon kontraŭstari Anglujon. La *Mosul-problemo* ja ankoraŭ ne estas solvita. Anglujo defendas siajn « interesojn »: la petrolofontojn.

El la rondoj de la *hindaj mahometanoj* venis la propono restarigi la *kalifaton.* Pri tio okazos *tutmonda islama konferenco.*

En la *koloniaj landoj* ni vidas ĉie revoltojn. En *Hindujo* la brita polico eltrovis bone preparatan komploton. Granda parto de la hindoj uzas alian metodon instruatan de *Mahatma Gandhi:* «Non-Violence», sed «Non-Cooperation» neperforto, sed nekunlaborado estas la sistemo, kontraŭ kiu eĉ brita kolonia arto ankoraŭ ne trovis kontraŭrimedon.

EN ĤINUJO la situacio estas komplikita kaj malklara, Depost kiam *Sun Yat Sen* mortis, multaj partioj interbatalas. Sed ĉiuj kune batalas kontraŭ la potenco de la grandaj eksterlandaj potencoj: Anglujo, Japanujo, Usono.

El MADAGASKARO venas raportoj pri forta bolŝevista propagando, en *Sudafriko* la negroj postulas elektorajton, kaj la ĉefministro *generalo Hertzog* eĉ devas intertraktadi kun ili.

En PERSUJO la parlamento eksigis la reĝon (*ŝah*), kiu neniam zorgis pri sia lando, sed bone amuziĝis en Eŭropo.

En AŬSTRALIO novaj elektoj montris progreson de la Laborista Partio. La nova registaro de la aŭstralia ŝtato *New South Wales* enhavas sep *katolikajn ministrojn.* Unu el ili, s-ro *J. T. Lang*, estas ĉefministro.

El MEKSIKO venas sciigoj pri sistema persekutado de la katolika eklezio, en *Ĉilio* denove *Arturo Alessandri*, la framasono, gvidas kaj klopodas pri disigo de ŝtato kaj eklezio. La solan katolikan ĵurnalon de la lando, kin aperis en Santiago, li subpremis.

Ĵurnalisto.

## Mallongaj sciindaĵoj katolikaj

**Speciale kunmetitaj por K. M.**

**La itala registaro** redonis la grandan monaĥejon apud la tombo de Sankta Francisko en Assisi al la ordeno de la franciskanaj konventualoj. Ĉi tiu branĉo de la franciskanoj ĉiam havis la tombon de Sankta Francisko, dum ke la ĉefbranĉo, la « observantoj », posedas la fondopreĝejon Portiuncula en Assisi.

**Zionismo.** Laŭ raporto de la Palestina Zionista Ekzekutivo, Palestino en la lastaj kvin jaroj duobligis sian judan loĝantaron.

**Laŭ angla leĝo** pastroj ne povis esti elektataj kiel parlamentaj deputitoj. Tiu leĝo nun estas nuligita.

**La itala registaro** proklamis, ke Sankta Francisko estu la nacia sanktulo de Italujo kaj ke lia festo (4 oktobro) estu solenata kiel nacia festo.

**En Romo** okazis la 6-a Kongreso de la Internacia Unuigita Katolika Virina Ligo sub honorprezido de Kardinalo Merry de Val.

**En New-York** estas malfermita katolika radiostacio de la paŭlistaj patroj.

**En Italujo** multaj framasonaj loĝio estas fermitaj pro la faŝistaj persekutoj.

**La papo** ĉe la akcepto de la pilrgimkaravanoj de katolikaj virginoj per eneriaj vortoj parolis kontraŭ ekscesoj en la virina modo.

**Novan eparkio.** Oni intencas fondi novan episkopan sidejon en Hamburg (Germanujo) por la distriktoj Lübeck, Bremen, Schleswig-Holstein kaj Mecklemburg, nun sub la jurisdikcio de la episkopo de Osnabrück.

**La papo** havas grandan intereson pri radio. Li ekzakte scias ĝian evoluon kaj mem ofte uzas siajn aŭskultilojn.

**Protestantaj monaĥejoj** ekzistas en Anglujo. El ili venas multaj konvertiĝoj al la katolika eklezio.

Rimarkindan kuraĝon kaj persiston montris **katolika virino el Tetuan** (Maroko) kiu piedire pilgrimis al Romo kun siaj tri malgrandaj infanoj. La plejaĝa (6 jara) povis sekvi sian patrinon, sed la du aliaj devis preskaŭ ĉiam esti portataj en la brako sia de patrino en la tuta vojo tra Maroko, Hispanujo, Francujo kaj Italujo.

**La Internacia Asocio** de Katolikaj Junmetiistaj Unuiĝoj faris pilgrimadon al Romo. Pli ol 500 junuloj, preskaŭ ĉiuj el Germanujo, pilgrimis piedire, neniam uzante fervojon.

**La usonaj «Knights of Columbus»** (Kavaliroj de Kolumbo), elito de aktivaj katolikoj, havas nun 751.000 membrojn.

Daŭrigota

## Internacia Revuo

### Por la reunuiĝo de la orientaj eklezioj kun Romo

Granda kongreso por reunuiĝo okazis en Ljubljana (Jugoslavujo). Delegitoj el ĉiuj partoj de la lando kaj el Francujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Polujo, Turkujo, Britujo kaj Usono diskutis la gravan kaj aktualan problemon. Ankaŭ ĉeestis multaj ortodoksaj prelatoj, i. a. profesoroj de la ortodoksa teologia-fakultato de Beograd. La konferencoj komenciĝis per solena meso de episkopo Njaradi en malnovslavona rito kaj lingvo. La papo sendis simpatian leteron, speciale laŭdante la klopodojn por reunuiĝo de D-ro Fr. Grivec, profesoro de la universitato de Ljubljana. La dekano de la teologia ortodoksa fakultato de Beograd esprimis siajn simpatiojn por reunuiĝo. Same parolis reprezentanto de la ortodoksaj rusoj. Episkopo Przezdiecki parolis en la nomo de la pola nacio kaj sciigis, ke la sekvonta kongreso okazos en Warszawa. Diversaj paroladistoj proponis metodojn por disvastigi la orientajn studojn inter pastroj kaj laikoj, speciale rimarkinda estis la raporto de R. P. d'Herpigny S. J. Multaj eminentaj prelatoj katolikaj kaj ortodoksaj faris referatojn. Speciale oni rekomendis studadon de la rusaj monaĥaj ordenoj, la apostoladon de Sanktaj Cirilo kaj Metodio, ampleksan studadon de la orienta kristanismo en la seminarioj kaj praktikan helpon al rusaj elmigrantoj.

## Recenzejo

### ESPERANTO-LITERATURO

**En la mondon venis nova sento,** poemeto de F. Pizzi, Paolet, San Vito al Tagliamento, Italio, 2 liroj.

Belega poemeto de nia amiko kaj kunlaboranto. Kun aldonitaj kantoj kaj psalmo, el kin ni citas parton sur unua paĝo kiel provaĵo.

**Hebrea progreso en Palestino,** centra Cionista Organizacio, London WC1.

La justeco en la palestina probleme0 postulas ke ni ankaŭ konu la cionistajn vidpunkton kaj agadon : ilustrita broŝuro pri Koloniza Kulturlaboro en Palestino.

### INTERNACIA LITERATURO

**La Paix,** de P. Gratry, Paris, Pierre Téqué, 82, rue Bonaparte.

La eminenta libro de tiu sanktema pastro devus esti legata de ĉiu pacamiko. Estonte ni publikigos kelkajn eltiraĵojn esperante. Verkita 1856-64, ĝi estas speciale aktuala por ni.

**Die Stadt Rom zu Ende der Renaissance,** de L. v. Pastor, Herder, Freiburg i-Br, Germ., 8.80 mk.

Libroj de L. v. Pastor ne plu bezonas rekomendon. Lia grandioza historio de la papoj konatiĝis lian nomon en la tuta mondo. La plej belege ilustrita grandformata libro montras klare la sanktan urbon en ĝia plej triumfa periodo de arto kaj scienco.

**Der Kleine Brockhaus,** Handbüch des Wissens, F. A. Brockhaus, Leipzig, 10 kajeroj po 1.90 mk.

La belega kompendio de la tuthomara scienco, eltirata el la granda « Brockhaus », konata en la tuta mondo. Riĉege ilustrita, praktika formato, bela papero.

# Tra la Esperanta Mondo

**Esperanto estas oficiale rekonita** de la Universala Telegrafa Unio, kiu en sia kunveno fine de oktobro en Paris permesis la uzon de Esperanto en la internaciaj telegrafaj rilatoj kiel « klara lingvo ».

La lasta paragrafo de la Regulаro estas ŝanĝita jene : La uzo de Latino kaj de Esperanto estas ankaŭ permesata. La proponon faris la Ligo de Nacioj. Aktive kunhelpis precipe la franca delegitaro.

**Novaj rusaj poŝtmarkoj** estas eldonitaj kiuj surhavas tekston en Esperanto. Do la rusa poŝtadministracio oficiale uzas Esperanton.

**La Unua Internacia Kongreso de la Teknika Gazetaro** kiu okazis 1-4 oktobro en Paris sub patroneco de la prezidanto de la Franca Respubliko, akceptis rezolucion, ke Esperanto estu uzata en la teknika gazetaro almenaŭ por la redaktado de resumoj, kiuj devus sekvi la publikigon de ĉiuj artikoloj kaj originalaj laboroj en ĵurnaloj kaj revuoj de la tuta mondo ; ke Esperanto estu akceptata kiel oficiala lingvo same kiel la naciaj lingvoj en la internaciaj kongresoj de la teknika gazetaro.

**Esperanto kaj Medicina Scienco.** La Brazila Klubo de la Medicinstudantoj transdonis al la germana ambasadoro en Rio de Janeiro la 23 junio peticion, kiun li transdonu al la germanaj medicinstudantoj, ke ili traduku gravajn germanajn medicinajn verkojn en Esperanton. La peticio estis subskribita de pli ol 200 studantoj de la Medicina Fakultato en Rio de Janeiro.

**Esperanto por Aera Navigado.** La IIIa Internacia Kongreso de Aera Navigado okazinta en Bruxelles, konsiderante la gravajn servojn, kiujn farus al la aeronaŭtiko la uzado de la helpa lingvo Esperanto en la internaciaj rilatoj, decidis stangi internacian komitaton por defini kaj proponi manierojn ebligantajn la enkondukon kaj disvastigadon de la uzado de Esperanto kiel teknika lingvo de la aera navigado.

**Episkopoj kaj Esperanto.** M-ro Gibier, episkopo de Versailles, sendis al la I. K. U. E. kongreso en Paris leteron redaktitan en Esperanto, per kiu li akceptis esti membro de la patrona komitato.

— M-ro Paulini, episkopo de Concordia (Italujo), kvankam jam 70 java, lernas Esperanton.

**La Franca Ligo por la Rajtoj de la Homo** esprimis la deziron, ke Esperanto estu enkondukata en Francujo en la publikajn lernejojn.

**La Spiritistoj.** En Paris okazis Internacia Kongreso de la Spiritistoj sub prezido de la konata angla verkisto Sir Conan Doyle (Kiu ne konas Sherlock Holmes ?). Oni decidis, ke en la « Domo de la Spiritistoj » en Paris estu malfermata kurso de Esperanto kaj ke la komunikaĵoj al la ĝenerala sekretario venontaj el landoj, kie oni ne parolas unu el la kvar ĉefaj eŭropaj lingvoj, devos esti redaktataj en Esperanto.

**Ligo de Esperantistaj Pacifistoj.** La nuna estraro konsistas el S-ino Julia Isbrücker, F-ino H. de Lange, sekr., kaj S-o G. Wirix, kasisto. La centra oficejo ne plu estas en Wien, sed en Den Haag (Nederlando). Adreso : F-ino H. de Lange, 65 Frederik-Hendriklaan, Den Haag, Nederlando.

**La Ligo de la Japana Junularo** uzas Esperanton, propagandas por ĝi kaj faras per ĝi reklamon internacian.

**En Ĉilio** (Sudameriko) la Provinca Konvencio de Unuagradaj Instruistoj en Valparaiso aprobis varme kaj unuanime la akcepton de Esperanto kiel helpa lingvo por interrilatoj kun tutmondaj laboristoj kaj instruistoj.

**Radio.** Paroladoj aŭ kursoj en Esperanto nun regule ĉiusemajne okazas de la radio-stacioj : Wien (dufoje) Aŭstrujo ; København, Danujo ; Lyon, Paris PTT, Radio-Paris (dufoje), Francujo; Berlin, Braunschveig (dufoje), Bremen Breslau, Kassel, Dortmund, Elberfeld, Frankfurt, Hamburg, Hannover, Königswusterhausen, München, Münster, Nürnberg, Stuttgart, Germanujo; Roma, Italujo ; Moskva (dufoje), Rusujo ; Barcelona, Bilbao-Vizcaya, Bilbao-Union, Madrid, Hispanujo; Genève (ĉiutage), Svisujo ; New-York, U.Ŝ A. ; Rio de Janeiro, Brazilio ; Montevideo, Uruguay; Melbourne, Aŭstralio ; Gisborne, Novzelando.

## Abonprezoj por la jaro 1926

| LANDO | ABONO duonjare | ABONO jare | Ab. kaj kotizo duonjare | Ab. kaj kotizo jare | Kotizo sen K.-M. |
|---|---|---|---|---|---|
| Anglio, Australio, Irlando | 1/6 s | 3 s | 2 s | 4 s | 1 s |
| Argentino | 1.5 p o | 3 p o | 2 p o | 4 p o | 1 p o |
| Austrio | 2,4 s | 4,8 s | 3 s | 6 s | 1.5 s |
| Belgio, Luksemburgo, Francio | 8 frs | 15 fr | 12 fr | 20 fr | 5 fr |
| Brazilio | 1.5 mr | 3 mr | 2 mr | 4 mr | 1 mr |
| Ĉeĥoslovakio, Danio | 1,5 kr | 3 kr | 2 kr | 4 kr | 1 kr |
| Germanio | 1,5 mk | 3 mk | 2 mk | 4 mk | 1 mk |
| Hispanio | 2 p | 4 p | 2.5 p | 5 p | 2 p |
| Hungario | 2.4 k | 4.8 k | 3 k | 6 k | 1.5 k |
| Italio | 8 l | 15 l | 12 l | 20 l | 5 l |
| Jugoslavio | 18 d | 35 d | 25 d | 50 d | 15 d |
| Litovio | 3 l | 6 l | 4 l | 8 l | 2 l |
| Nederlando | 0,75 fl | 1.5 fl | 1 fl | 2 fl | 0.5 fl |
| Polio | 2 z | 4 z | 2,5 z | 5 z | 1.5 zl |
| Rumanio | 40 l | 80 l | 50 l | 100 l | 20 l |
| Svisio | 1,8 fr | 3,6 fr | 2 4 fr | 4.8 fr | 1,20 fr |
| Usono | 0,40 d | 0,75 d | 0,50 d | 1 d | 0.25 d |

**Rimarko : Nia ekspedicio havas enpagilojn por ciuj landoj. Monsendojn oni adresu al la nacia abonejo au senpere al unu el la supre nomitaj adresoj.**




## Niaj Adresoj

**Redaktoro de K.M. :** K. Mayr, 16 Red Lion Square, London WC1.

**Redaktoro de J.B. :** W. Solzbacher, Honnef a Rh. Spiesgasse, Germ.

**Administracio :** Kapl. B. Wachowski, Elberfeld, Feldstr. 24, Germ.

**Ekspedicio :** P.I.A. Muffang, 14 bis, avenue Galois, Bourg-la-Reine, Francio.

**Anoncoj :** Hugo Hellwig, Bochum, Weiherstr. 61, Germ.

### Anoncetoj-Korespondado

Por dufoja enpresigo ĝis 20 vortoj 1 sfr. aŭ 4 respondkuponoj. Antaŭpago nepra kondiĉo.

Mi eldonadas katolikan infanan ĵurnaleton « *Zvaigzdutė* ». Steleto. Kelkaj legantoj malgranduloj esprimas deziron korespondadi kun alilandaj katolikaj geinfanoj per poŝtmarkoj. Do filatelista afero inter malgranduloj. Kiu el alilandaj katolikaj geinfanoj konsentus al la korespondado, bonvolu sin anonci je tiu adreso : **Kulvos mokykla, Jonava, via Kaunas.** La adresojn mi anoncos en la ĵurnaleto.

Dua deziro. Mi volas konatiĝi kun infanaj ĵurnaloj alilandaj, precipe kun organoj de Unuiĝoj de Anĝelo Gardanto. Por venonta numero mi sendos nian Steleton.

S. TIJUNAITIS.

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio. — 29733